# HAMBURG Esperanto



**5/1995**
Oktobro/Novembro
Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

GEA invitas al

# Eŭropo-Seminario

9a kaj 10a de Decembro 1995

**en la Esperanto-Domo en Hamburg**

Tiu ĉi seminario celas al interesitoj pri Eŭropo-politiko kaj pri lingvopolitiko en EU. La temoj: La kontrakto de Maastricht, la evoluo de la proceso de Maastricht II, la jura kaj fakta stato de la lingvoj en EU, rigardo al la ĝisnunaj aktivaĵoj de la Esperanto-movado. Celo de la seminario estas evoluigo de unuaj klopodoj por strategio de GEA kaj la Esperanto-movado rilate al Eŭropo-politiko.

Maksimume 18 partoprenantoj Kotizo: *DM* 45,–

La partoprenantoj 4 semajnojn antaŭ la seminario ricevos materialon pri la diversaj temoj. Pri profunda preparado estas petata.

Aliĝoj kaj informoj ĉe: Barbara Brandenburg,
Langenbachstraße 5, 53113 Bonn, Tel: 02 28 / 23 32 79

## Enhavo



## Editoraĵoj

***Esperanto Hamburg***
**Eldonanto**:
*Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95
D-20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65 (=Fakso)
Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)
Kto. 173 22-207
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr*
Oelkersallee 31, D-22769 Hamburg,
✆ (040) 43 51 97
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 6/1995:**
**11-11-95**

## Sentenco

**Oni ne faru la aferojn ĝuste — sed la ĝustajn aferojn!**

*John Hormann, manaĝero de IBM; memoru ehh 3/93*

## Adiaŭ Bonn — Bonan Nokton Berlin

**Hamburg / Berlin (ehh). Post kiam GEA decidis forlasi la oficejon en Bonn, ankaŭ GEJ retiriĝis el la malnova ĉefurbo por favori la novan komunan.** Proteste Thomas Pusch retiriĝis de GEA kaj GEJ, ĉar laŭ li bone funkcianta oficejo en bona situo estis anstataŭigita per laike gvidata kortoĉambro. — Fakte ankaŭ la Bonna oficejo ne estis tute senmanka, sed almenaŭ ĝi funkciis. Hamburga Esperanto-Societo kaj la estraro de GEJ planis komunan seminarion en Hamburg. Ĝi ne povas okazi; en Berlin ŝajne oni eĉ ne scias pri aferoj, kiujn organizas la estraro de GEJ. Tiel ne eblas kunlaboro.

Benno Klehr

## Nia tegmento likas!

La domo de Hamburga Esperanto-Societo nun havas aĝon de 40 jaroj. La gudra tavolo sur la tegmento jam plurfoje estis renovigita, sed nun la tuta tegaĵo rigidiĝis kaj rompiĝis post la ĉi-somera varmego. Ne plu helpas surmeti gudron – nun la tuta supraĵo devas esti anstataŭigita per nova gudrita kartono. Tio certe fariĝos multekosta afero, ĉar tion devos fari fakulo. Por elekti la plej favorprezan entreprenon, ni petis antaŭkalkulon de diversaj firmoj. Tamen la nova tegmento ege streĉos niajn financajn rimedojn. Ni ne bankrotiĝos pro tio, sed ioma helpo pere de mondonacoj tre ĝojigos nin. Poŝtĝirokonto Hamburg 173 22-207.

Benno Klehr

# Ekspozicio "vi kaj via mondo"

**Hamburg (bŝ). La ĉi-jara ekspozicio "vi kaj via mondo" estis granda sukceso. Vizitis ĝin 245 mil homoj. La Esperanto-stando ĉi-jare troviĝis en alia loko ol kutime: inter la haloj 4 kaj 5.**

Multaj kunlaborantoj diligente helpis prezenti Esperanton al la publiko kaj proponi ĝin kiel duan lingvon apud la gepatra. Bedaŭrinde la stando ne estis tiom vizitata kiel en antaŭaj jaroj. Eble la situo estis iom malfavora, en trairejo inter du haloj; eble aliaj prezentaĵoj estis pli allogaj, ekzemple la sportaj praktikejoj kun rulŝuoj, grimpejo kaj aliaj: Tie estis plenplene. Eble ankaŭ la opinio de la publiko estas kontraŭ Esperanto pro la potenca pozicio de la Angla.




La kunlaborantoj klopodis prezenti Esperanton kiel bona, eĉ la plej bona solvo de lingvaj problemoj. Tamen estas malfacile, konvinki iun, kiu havas alian opinion.

Kun la spertoj de tiu ekspozicio necesas, pripensi kaj trovi novan strategion, por trovi merkatobreĉon apud la Angla – ne por kontraŭbatali ĝin.

Malgraŭ ne tre bonaj antaŭkondiĉoj post la ekspozicio okazas kursoj kun pli ol dek partoprenantoj.

Dankon al ĉiuj helpantoj!

# NIA TERURA ENIGMO 5/95

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 |
| 13 | | | | | 14 | | | | | | |
| 15 | | | | 16 | | | | 17 | 18 | 19 | |
| 20 | | | 21 | | | | | | 22 | | |
| 23 | | | | 24 | | | | 25 | | | |
| 26 | 27 | | 28 | | | 29 | 30 | | | | 31 |
| 32 | | 33 | | | | 34 | | | | 35 | |
| 36 | | | | 37 | 38 | | | 39 | 40 | | |
| 41 | | | | | | 42 | | | | | |
| 43 | | | | | | | 44 | | | | |

**Atentu!** Nia Terura Enigmo ne estas laŭ la kutima stilo. Kelkaj priskriboj estas misgvidaj aŭ havas duoblan sencon kaj necesigas strangan asociadon. Kutime la finaĵo de la solvo evidentiĝas el la priskribo. Ekskluzive en *Esperanto Hamburg!* © Benno Klehr 1995

**Horizontale:**

**1** Kvazaŭ antikva Rolls Royce. **7** Nomo antaŭ Gorbachova. **13** Agi kiel Trocki en 1905. **14** Frukto kun haŭto de belulino. **15** Virino en Pupohejmo. **16** Registaro. **19** Mallonga sangopremo. **20** Triera kanto kun tekst' dufraza. **21** Angla kaĉo. **22** Religia agad'. **23** Klubano de Robespierre. **25** Frukto en nukleata acido. **26** Mallonge inter Nittel kaj Irrel. **27** Lok' por kaŝi kadavron. **29** Mov-aparat' de kanabeno. **32** Ŝtono malgranda kiel fiŝovo. **34** Agi kiel ftizulo. **35** Tiel Zamenhof parolis al sia koro. **36** En Afrik' tiu bordo estas ŝatata. **37** Doni la necesajn aĵojn. **40** Jen Eŭropa TEJO-sekcio. **41** Laŭ Zamenhof malfeliĉulo falas de ĝi en barelon. **42** Apartenanta al Franca akvo. **43** Vento por formi seĝan piedon. **44** Aparat' por trankviligi infanon.

**Vertikale:**

**1** Hunda fripono. **2** Placmalagrabliĝo. **3** Tien kaj reversa verkaro. **4** Atingo antaŭ la celo. **5** Insulo regata de Karl-Gustav. **6** Ĉi-tie eĉ malamikoj komune kantas. **7** Profesi' de Silvia Bernadotte. **8** Ekesto de grupo. **9** Fama jarfina mallongigo. **10** Jes; tiel oni diras en Ragusa. **11** Grafike esprimiĝi. **12** Vertikala organa kavaĵo. **17** Raŭpa ber' nigra aŭ blanka. **18** Ne kopi' sed la unua. **24** Tia nukso estas kateĉuo. **28** Alarma bru' por katenita Odiseo. **29** Neŝatata akompananto en pantalono vestita. **30** Aromaĵ' por trinkaĵ'. **31** Tia sinten' al reĝimo ke ne ĝenas. **33** Akva best' kun felo. **35** Paroli kiel Ilĉi aŭ Hatatitla. **36** Sama vort', ekzistas Latine, en Esperanto. **38** Ĉifrita aŭ ne, vort' aŭ leĝo. **39** Meze de monat' en Romo.

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30. *Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00. *Studrondo*: sabate en semajnoj kun para numero: 14:00. *GIS*: unufoje monate; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet. *Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00. *Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00. *GIS*: einmal im Monat; Auskunft: Tel. (0 40) 58 71 82 oder 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: Di. 18:30.

## OKTOBRO

**5** *Jürgen Wulff:*
**Fari varbfilmon per komputilo**

**12** *Ges-roj Bormann:*
**Turku – Tampere – Peterburgo**
(kun diapozitivoj)

**19** **Klubaj Aferoj**
Aktualaj temoj pri la Hamburga Klubo, pri la Landa Ligo kaj pri ĝemelaj urboj.

**26** *Elsbeth Bormann:*
**Maljunuloj en Eŭropo**

## NOVEMBRO

**2** *Werner Bormann:*
**Fervojista kongreso en Zwickau**

**9** *Diskuto:*
**Politika Novembro en Germanio**

**16** *Ges-roj Alves:*
**Brazilo hodiaŭ**

**23** *Pia Haasis:*
**Pereintaj reĝlandoj en Indonezio**

**30** **Klubejo fermita pro Sabato!**

**2.12. Zamenhoffesto**

**Solvo de enigmo 4/95**

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 L | 2 I | 3 B | 4 E | 5 R | 6 E | 7 C | 8 O | 9 P | 10 E | 11 T | 12 I |
| 13 A | R | E | N | O | 14 K | A | N | O | N | I | K |
| 15 B | A | K | I | 16 S | O | R | 17 O | B | 18 A | N | O |
| 19 O | D | O | R | O | 20 L | 21 I | R | O | 22 K | U | N |
| 23 R | O | 24 S | I | 25 N | O | 26 A | T | 27 L | A | S | O |
| 28 A | 29 D | 30 E | 31 N | I | G | M | A | 32 I | D | O | 33 J |
| 34 T | A | K | E | L | I | 35 A | N | T | E | 36 N | O |
| 37 O | M | A | Ĝ | O | 38 O | R | G | I | 39 M | I | G |
| 40 R | A | L | I | 41 N | 42 I | K | U | 43 N | I | Ĝ | U |
| 44 I | S | 45 O | 46 L | 47 A | 48 G | A | L | I | 49 P | E | R |
| 50 O | K | S | A | L | I | D | O | 51 A | O | R | T |

## GEFA kaj GIS

*Germana Esperantista Fervojista Asocio* kaj *Gesellschaft für Internationale Sprache* havas **komunajn renkontiĝojn** en domo de la Germana Fervojo en Altona, kutime – ne ĉiam – la duan Sabaton monate.
Oni renkontiĝas je la 10a horo antaŭ la "Vojaĝ-Centro" (Reisezentrum) en la fervoja stacio de Hamburg-Altona.
En Oktobro ne okazos renkontiĝo pro kongreso en Zwickau! Informoj: Tel. 58 71 82

**Jarŝanĝaj aranĝoj en Prago**
**A) Adiaŭ kun 1995:**
**95-12-30 / 96-01-02**

Vizitado de la vidindaĵoj de la ĉeĥa ĉefurbo, Silvestra bankedo kaj danco, amuziĝo, koncerto, vizitado de UK–kongresejo 1996. Tranoktado en hotelo Koŝik, inkluzive manĝoj kaj ĉiuj biletoj por eniri kaj veturi: Prezo en dulita ĉambro *DM* 390,– (ĝis 1995–11–15)

**B) Sojle al 1996:**
**96-01-02 / 06**

Vizito al Praga kastelo, kastelo Karlŝtejn, vitrofabriko, Nigra Teatro, Praga Bierejo kaj diversaj aliaj lokoj.
Prezento de Esperantaj videofilmoj.
Prezo: *DM* 370,– aŭ 210,– en alia hotelo (laŭ supraj kondiĉoj)

Aliĝojn aŭ demandojn al:
KAVA–PECH
Anglická 878
CZ–25229 Dobřichovice
Tel: (el Germanio) 00 - 42 - 2 - 9 91 22 01

# Seminario en Novembro: Kiel marmorumi paperon

***Pia Haasis*** montras al interesitoj, kiel eblas prilabori paperon por atingi diversajn kolorajn aspektojn.
Dato: 17.–19.11. 95.
Vendrede 18–20 h, Sabate 14–20 h, Dimanĉe 10–16 h.
Loko: Esperanto–Domo Hamburg
Maksimume 5 partoprenantoj!
Aliĝu ĉe HES.
kotizo: *DM* 60,– (inkluzive 40,– por materialo)
**Bonvolu aliĝi baldaŭ!**

---

# Ne okazis Seminario en Hamburg

HES volis starti novan serion de seminarioj kunlabore kun Germana Esperanto-Junularo. La unua komuna seminario estu okazinta de la

29. 9. ĝis 1.10.95

en la Hamburga Esperanto-Domo.

Temo:
**Per trafa varbado al sukcesa kurso**
Paŝoj de organizado de vidinda ekspozicio kaj inteligenta informado ĝis interesa kurso.
**Kion diri** pri Esperanto **– kaj kion prefere ne:** Prezentado de la ***Proponaro*** de *Marcus Sikosek*,
kaj **kiel prezenti** la lingvon Esperanto: ***Schnupperkurs*** de *Jürgen Wulff*, kun spertoj el la pasintaj kvin jaroj.

Bedaŭrinde GEJ ne sufiĉe varbis, ke eĉ ne unu aliĝo venis! Montriĝis ke vere tia seminario estas urĝe bezonata. BK

# Semajnfina seminario en Neubrandenburg 3. - 5. 11. 95

**Kursoj por komencantoj, progresintoj kaj parolantoj**
Kotizoj: Membroj de GEA 15,– **Ne**-membroj 40,– (red. 15,–)

Kursgvidantoj: *Dr. Till Dahlenburg, Elke Valtin, Mag. C. Baranowski*

La organizantoj helpas trovi tranoktejon en hotelo.

**Aliĝojn sendu al:**
**Werner Pfennig, Uns Hüsung 29 / 1104**
**17034 Neubrandenburg**
**Tel. 03 95 - 422 13 98** (post 17.00 h)

---

# Ĝemelurbaj aktivadoj

Harald Schicke pretas aktivi pri la kontaktoj al la ĝemelaj urboj de Hamburg. Li jam kontaktis al la Hamburga *Staatskänzlei* por eltrovi pri ekzistantaj ĝemelurbaj aktivadoj. La Hamburga ŝtato subtenas tiajn aktivadojn, ankaŭ de kluboj. Ĉiujare ekzistas mono en la ŝtata buĝeto tiucele. Kluboj, asocioj, teatroj ktp. povas peti monon por ĝemelurbaj aktivadoj.

Por la venonta jaro Harald proponas du eblajn eventojn: UK okazos en Prago kaj la 1a Azia Kongreso en Ŝanhajo. Ambaŭ estas ĝemelaj urboj de Hamburg.

Harald pretas plekti la kontaktojn, post kiam la Hamburga membraro eltrovis, kiaj aktivadoj eblas. Laŭ lia opinio la kluba vivo povos multe gajni per tiaj kontaktoj, precipe, se tre multaj kunlaboras, ekzemple skribante salutojn ktp. Ankaŭ la parol– kaj skribkapabloj de komencantoj tiel povas pliboniĝi. Interesuloj tuj komprenos, kiel facile eblas plekti kontaktojn pere de Esperanto. Ankaŭ oficialaj instancoj konstatos, ke ni ne nur parolas pri internacia amikeco, sed ĝin kiel klubo ankaŭ praktikas.

Modelan agadon de multaj jaroj organizas nia samideano *Hans Fechler* el *Hildesheim*, kiu eldonas ĉiujare revuon kun kontribuoj de klubanoj el ĉiuj ĝemelaj urboj. La urbestro de *Hildesheim* aldonas salutvorton kaj subtenas la aktivadon mone, same kiel kelkaj firmaoj.

Do, ni sekvu tiun modelon kaj evoluigu ĝin!